№ . [redacted]

# LA SKOLTA MONDO.

*Trimonata revuo*
*Jul-Sept 1976*
*Vol 5 Nr-o 3*



ukas Linaras, Direktoro de la Ministerio de Civilizo, akceptas S.E.L.-eldonaĵojn de Ko Hammer

## S ☆ E ☆ L

Fondinto: "Avoto".
Kunfondinto: J.W. Leslie.

Honoraj Prezidantoj:
Avoto, Norman Booth, D. H. Davis, L.J. VanGulck.

Prezidanto: John Berggreen, Brattvollveien 23c, Oslo 11, Norvegujo. Telefono 02-283035.

Sekretario: J. K. Hammer, Taxusstraat 7, Zaandam-1400, Nederlando. Poŝtkonto 632246. Telefono 075-166931.

Kasisto kaj Administranto de "La Skolta Mondo": David H. Withey, 21. Brookfield Avenue, Waterloo, Liverpool L 22 3ye, Britujo. Telefono 051-928-2936

Redaktoro: Hans Amund Rosbach, Nergata 37c, N-6500 Kristiansund N, Norvegujo. Poŝtkonto 8030413. Telefono 073-77620.

Membroj de Centra Komitato
Allan Fineberg, 76 Seventeenth Av, Paterson, NJ 07531, Usono.

Ŝindo -Seitaro, Nisimikuni 1- tyôme 200, Higasi - yodogawa - ku, Osaka-si, Japanujo.

La Skolta Mondo aperas kvarfoje en la jaro.

Okaze de nericevo, bonvolu informi la Nacian Reprezentanton aŭ la Administranton.



# Karaj!

La aŭtuno venis, kaj kun ĝi por la plimulto el ni -verŝajne - nova kaj pli intensa laborsezono. Persone mi ĝuis la someron dum kvarsemajna forvojaĝo, en bela kaj varma sunbrilo, parte hejme en Norvegujo, - sed ankaŭ dum unu semajno sur banstrando en Danujo.
Kaj, kompreneble, mi revenis al la ĉiutaga laboro kun nova energio.

Tio ja estas la celo de la ferio!

Sed en la somero ankaŭ okazas la kongresoj kaj aliaj tiaj aranĝoj, kaj dum tiuj oni faras planojn por nova agado, kaj diskutas la rezultojn de pli frua agado.

Ĉi tiu numero de LSM respegulas ĉi tion. En ĝi estas raportoj kaj- ĉu ni diru viziojn?

Iuj eble dirus: tedaj aferoj. Ni substrekas: necesaj aferoj. Kaj ni eĉ pli volas substreki:

Se SEL vivu kaj meritu vivi, ĉiu el ni devas kompreni la neceson de la kunlaboro por plenumi la planojn - ĉar SEL vere estas nebezonata se ĝi nur ekzistas por ricevi la minimuman kotizon kaj elsendi revuon, kiun la membroj apenaŭ legas.

SEL havas klaran kaj altan celon: Ebligi al la skolta movado fariĝi la gefratecon al kiu ĝi strebas.

Tial:

EN LA TUTA MONDO dum plej proksimaj monatoj tio okazu:
SEL-amikoj prezentos ekzempleron de la libreto pri Internacia Skoltado al la landa aŭ loka skoltasocioj, kaj al redaktoroj de skoltaj gazetoj.

Nepre legu la artikolon pri "Nia Kampanjo" en tiu ĉi numero!

Kore via

Hans Amund.

# Ateno: 61-a Universala Kongreso



Kun scivolemo mi jam hejme tralegis la liston de aliĝintoj al la Kongreso, kaj trovis multajn konatajn nomojn. Laŭ la plano, mi prezentos tie nian laborplanon al la publiko, kaj kun tiu pretigos la lastajn partojn de la organizado.
Malfeliĉe, Ateno estas varma. Oni ripozas posttagmeze, kaj distras vespere ĝis malfrue.
Nur je la dua horo en la nokto mi revenas post la Teatra Prezentado kiu okazis ĵaŭde. Jam mi komprenis, ke morgaŭ en la SEL-kunveno multaj amikoj mankos, ĉar ĝi komenciĝas je la oka horo matene.
Por diri la veron: pri kunveno oni apenaŭ povas paroli. Nur pri renkontoj kun amikoj, kiuj daŭre venis aŭ foriris, ne nur dum la horoj de nia kunveno, sed ankoraŭ longe poste. Ĉar ankaŭ la distancoj en Ateno estas grandaj, kaj la urba trafiko ofte prenas pli da tempo ol oni supozas!
Ankaŭ dum la aliaj tagoj de la kongreso mi havis multajn renkontojn, inter kiuj estis kelkaj tre esperdonaj.
Mi nur mencios kelkajn:
Valora estis la kontakto kun sro A.Breddels, de la INTERNACIA ESPERANTO-INSTITUTO en Den Haag, Nederlando. Li prezentis al ni la senpagan uzon de la presilaro de tiu Instituto por nia kampanjo Koran dankon al li kaj al IEI!

Tre ĝojiga estis la interparoloj - la unua persona renkonto - kun la reprezentanto de SEL en Japanujo, Sindo SUMIYA. Ni ambaŭ ne baldaŭ forgesos tion.

Valora estis la interparoloj kun Renato CORSETTI el Romo, Italujo, kun kiu SEL jam longe kunlaboras pri la disvastigo de Esperanto en ekster-aŭropaj landoj; en tiu aktiveco de UEA nia ligo aktive partoprenas.
Pri tiu disvastigo okazis speciala kunveno. Oni invitis la landajn asociojn al informado en rondoj de eksterlandaj studentoj. Metodo, kiu jam montriĝis utila.
Malpli utila metodo ŝajnas al mi la sendado de leteroj kaj informiloj al adresoj, kiuj aperas en korespondrubrikoj de gazetoj. Kiom da tempo kaj mono oni bezonus por varbi nur unu membro?
Dufoje mi menciis nian kampanjon dum la ĵamboreo, kiu donis al ni multajn tre gravajn kontaktojn, ekz en Latin-Ameriko. Kontaktoj, kiuj plej ofte perdiĝis pro manko de nur unu fidela kunlaboranto en la koncerna lando mem. Malgraŭ la fakto, ke esperantokluboj kaj asocioj ne mankas!
Same dufoje la prezidanto de la kunveno, d-ro W. Bormann, neglektis mian rimarkon en ĉagreniga maniero Li diligente laboris ĝis la fina decido: Oni varbu inter studentoj. Sed kiom utilas varbado, kiam la varbitoj poste perdiĝas, tion mi ne komprenas.
Mi kunportis fotokopiojn de la artikolo, verkita de nia prezidanto, en la skolta gazeto "World Scouting", kun la negativa aldono de ties redaktoro. Mi enmanigis ĝin al kelkaj estraranoj de UEA, el kiuj unu partoprenis en forumo, kiu celis al pli bona informado al la publiko. Li tie priparolis kelkajn negativajn rimarkojn, kiuj aperis ankaŭ en la aldono al nia artikolo Mi opiniis la estraranon sufiĉe

grava kaj klera por verki respondon, sed mi devas dubi, ĉu li komprenis la gravecon de mia peto.

Cetere: La ministro de la Ministerio de Civilizado kaj Kulturo kun sia edzino -ge-sroj Tripani -invitis kelkajn kongresanojn al akcepto en la hotelo Acropoloe Palace. Dum tiu akcepto mi transdonis al la Direktoro por kongresoj kaj kulturaj aferoj, s-ro Lukas Lineras, kelkajn libretojn de SEL. (Vidu la frontpaĝan foton)

Mi devia konatati, ke tro ofte niaj kunlaborantoj malesperas, kiam la unua kontakto kun aliaj skoltoj ne estas sukcesplena. Oni devus kompreni, ke iom pli da pacienco estas necesa, kaj nepre utila. Pri tio legu en alia artikolo.

Mi plene fidas, ke kelkaj el miaj renkontoj poste donos al SEL multan utilon kaj eble eĉ havigos al ni kelkajn novajn naciajn reprezentantojn.
Entute: Mi estas kontenta malgraŭ la spertoj en la kongreso mem!

J.K.Hemmer.

Ne poŝtmarkoj, sed

POŜTSTAMPOJ

Evaristo Gil Pallarès, Apartado 875, Barcelono Hispanujo, kolektas poŝtstampojn, kiuj rilatas al skoltado.
Ne gravas ĉu ili estas de afrankmaŝinoj aŭ ordinaraj manstampiloj.
Li ŝatus korespondi kun interesuloj.
Ĉu iu povus verki artikoleton pri tiaj kolektoj por LSM?

# MEZURI

Kiam mi estis en Anglujo antaŭ kelkaj jaroj, mi volis, kiel kutime, kalkuli la elspezojn. Kaj mi volis elkalkuli la uzon de benzino en la aŭto: Kiom da litroj por ĉiu deko de kilometroj? Tio estis tre malfacile, ĉar oni vendis galonojn da benzino, kaj la distancoj neniam estis en kilometroj!
Tial mi volas - por ies helpo kaj ies intereso - redoni kelkajn unuojn:

Unuoj por distanco:

| | | |
|---|---|---|
| 1 naŭtika mejlo | | 1 852 m |
| 1 kilometro | | 1 000 m |
| 1 angla mejlo | | 1 609.3m |
| 1 yard | 0,9144 m = | 91.44cm |
| 1 foot | 0,3048 m = | 30.48cm |
| 1 inch | 0,0254 m = | 2.54cm |
| 1 mil (skandinavia mezuro) | | 10 km |

Unuoj por areo:

| | |
|---|---|
| 1 kvadrata kilometro | 1 000 000 $m^2$ |
| 1 "dekaro" = 1 "mål" (norvega mezurunuo, kiun ni uzas i.a. por areoj de loĝdomoj kaj ĝardenoj): | 1 000 $m^2$ |
| 1 square mile | 2.590 $km^2$ |
| 1 acre | 4 047 $m^2$ |
| 1 square yard | 0.836 $m^2$ |
| 1 square foot | 929 $cm^2$ |
| 1 square inch | 6.452 $cm^2$ |

Unuoj por volumo:

1 litro 1 $dm^3$ = 0.001 $m^3$
El tio desilitro (0.1 l)
kaj centilitro (0.01 l)
hektolitri = 100 l, 0.1 $m^3$
1 fluid ounce: UK 28.412 mililitroj, US 29.573 mililitroj.
1 pint UK: 0.568 l, US 0.473 l por fluaj, 0.551 l por sekaj aĵoj.
1 gallon UK 4.546 l, US 3.785 l
1 bushel UK 36.37 l, US 35.24 l

Ununoj por pezo:

| | | |
|---|---|---|
| 1 tuno | | 1 000 kg |
| 1 karat | | 0.000 2 kg |
| 1 grain = 1/7000 lb | | 0.0648 g |
| 1 pennyweight (dwt) | 24 gr | 1.5552 g |
| 1 avdp ounce =437.5 | gr | 28.3500 g |
| 1 troy ounce =480 | gr | 31.1030 g |
| 1 troy pound 0.8229 | lb | 0.3732 kg |
| 1 pound (lb) = 7000 | gr | 0.4536 kg |
| 1 hundredweight (cwt) UK 112 lb = 50.803 kg, US 100 lb | | 45.359 kg |
| 1 short ton (US) | 2000 lb | 907.2 kg |
| 1 long ton (UK) | 2240 lb | 1 016.0 kg |

Kiel vi vidas, la mezuroj estas tre diferencaj. En nia tabelo UK estas la anglaj insuloj, US estas Usono.



# vi helpu la ligon la ligo helpu vin!

El multaj interparoloj dum la Kongreso en Ateno, mi komprenis, ke la aktiveco de Esperantistoj inter la geskoltoj estas multe pli granda ol mi supozis.
Eble sciigo pri tiaj aktivecoj en LSM povus havigi al vi eksterlandajn salutojn, korespondpetojn ktp, kiuj helpus vin en via laboro. Eĉ kiam agado estis sensukcesa, la raporto povus esti lerniga por ni, kaj helpi nin eviti erarojn kaj trovi pli bonajn manierojn. Sed pri tiuj aktivecoj oni neniam raportis al mi, kaj tio vere estas bedaŭrinda.

En kelkaj lokoj eĉ ekzistas grupoj de Esperantoskoltoj kaj eĉ en landoj kie Nacia Reprezentanto mankas. En "Boletin", la gazeto de la Hispana Esp.Fed. (marto - aprilo 1976) ekzemple estas artikoleto pri tia grupo. Mi demandas min, ĉu oni sufiĉe klopodis aligi la skoltojn al SEL? La duobla ligo de la Internacia Lingvo kaj de la Skoltaj Idealoj eble povus esti instigo al pli fidela membreco aŭ al aktiva partopreno en nia laboro. SEL ja bezonas la membrojn kaj LSM abonantojn Kelkaj de la helpantoj de SEL ne estis membro de la Ligo. Al ili do mankis la informoj de LSM, kiuj povus esti utilaj por ili. En unu okazo iu vane serĉis korespondamikojn por grupo de skoltinoj. Eble ĉi tie (senpaga!) anonco en LSMestus la plej bona rimedo - kiun oni tamen ne uzis!

Kursestroj en nepagipovas landoj evitis kontakton kun SEL, spite al la fakto, ke ili nepre bezonis lernolibrojn, pro financaj kialoj. Tamen ili forgesis tute, ke la skolta solidareco nepre devas esti kapabla trovi solvon al tiu problemo. Ni urĝe bezonas la spiritan apogon el tiuj landoj, kaj por nia revuo LSM fotojn, desegnojn , raportojn kaj rakontojn.
Kelkfoje oni ja plendas, ke ĝia aspekto estas tro 'Eŭropa' por internacia revuo!
Ŝajnas al mi, ke nia Ligo povus esti pli forta, kaj nia laboro pli efektiva kiam ni kune klopodus agi iom pli lerte.
Tial mi konsilas al vi:

Ĉiu, kiu laboras inter skoltoj, mem aliĝu al SEL aŭ abonu nian revuon.

Oni nepre klopodu aligi siajn kurs - anojn al nia Ligo.
Tion oni faru eĉ, kiam oni vivas en nepagi-pova lando.
Kaj:
Vi nepre uzu la eblecojn de nia Ligo kaj de "La Skolta Mondo" por faciligi kaj perfektigi vian laboron.

Ko Hammer.



# El la Naciaj Sekcioj



J. de Skotte.
Adreso:
Melécon Paul Harris 335/200,
Barranco-Lima 4,
Peruo.

Kun granda ĝojo mi povas prezenti al vi du novajn geamikojn en la rondo de Naciaj Reprezentantoj, kaj eĉ en kontinento, kiu por nia Ligo ĝis nun estas "malfacila tereno".

Peruo: Sinjorino J. de Skotte reprezentas nian Ligon. Multaj homoj jam konas ŝin kiel delegitino de UEA. Ŝi gvidas kurson en 'Nacia Domo de la Skoltoj', kaj trovis por ni alian Nacian Reprezentanton.. Dume ŝi serĉas ankoraŭ aliajn en sia kontinento

Meksikio. Ni bonvenigas: Jaime Javier MARTINEZ TELLEZ. Li estas 22-jara studento pri fruktkulturado, kaj estro de roto de roverskoltoj.
Lia adreso estas: 8a, No 3604, Chihuahua (chih), Meksikio.



Emilo Mas

Maroko: En la unua numero de 1976 ni jam bonvenigis la novan reprezentanton Emilio Mas. Nu nun havas la ĝojon tie ĉi montri lian bildon.

Italujo. Profesoro F.Tulono, kiu jam dum iom da tempo limigis siajn laborojn por SEL, nun eksiĝis. Ni esperas, ke li ankoraŭ helpos en la serĉado de nova NR, kaj dankas lin pro ĉio, kion li faris por SEL (kaj en la unuaj jaroj tio estis tre multe!)

Brazilio. En kunlaboro kun la "Konsilantaro de Esperanto" nia amiko Adosnis M.S. Silva klopodis ntrovi regionajn reprezentantojn por la kvin partoj, en



La Nacia Domo de la Skoltoj en Lima, Peruo

Ili ricevis ĝin en ĉi tiu jaro, okaze de la 65- jara jubileo de la Skoltasocio de Peruo.
Nia Reprezentantino por Peruo, S-ino J. de Skotte, jam estas konata persono en ĝi.

kiuj la skolta asocio dividis tiun grandegan landon. Li mem instruas al 20 skoltoj.

Ĉeĥo-Slovakujo: La skolta promeso en tiu lando i.a. diras, ke "skolto amas sian patrolandon, la ĉeĥan respublikon, kaj servas ĝin ĉiutempe".
Al grupo kiu klopodis fondi sekcion de SEL oni malpermesis ĉian laboron, ĉar "SEL estas eksterlanda organizaĵo, kies centro estas en eksterlando, kaj kies organizaĵo kaj celoj estas fremdaj al la socialisma ordigo de la societo..." La malpermeso ne rilatas al la Esperanto-flanko de nia Ligo, sed al la Skolta flanko, ĉar la malpermesa letero konsilas, ke oni aliĝu al la ĉeĥa Esperanto- Asocio, "kiu donas sufiĉe da eblecoj por konatiĝi kaj rilati kun eksterlandanoj".

Francujo. Kredeble baldaŭ aperos franclingva traduko de la libreto "Ĵamboreaj Notoj".

Sekr.



Svisujo raportas pri tre sukcesa "Somera Migrado '76" kun dek partoprenintoj - du francinoj, unu franco, unu nederlandano, tri svisoj kaj du svisinoj. La plej aĝa havis 66 jarojn.
La vetero estis ĉefe alloga kaj permesis la ekskursojn planitajn, kaj oni plurfoje grimpis al pli ol 3000 m super la maro.
La partoprenintoj rekomendas al vi jam nun anonci vin por la venonta Somera Migrado:
Svisa Esperanto-Junularo, rue de la cure 5, CH-2035 Corcelles.

Islando estas la lando de la venonte U.K. Kiel vi vidas aliloke, nia Usona NR proponas internacian tendaron tie en kombino kun la kongreso.
Ni esperas, ke la planoj povas realiĝi. Sed samtempe ni faras al ni la demandon: Kial mankas tiu lando en nia registro pri Naciaj Reprezentantoj?? Kaj fakte - kial mankas ankaŭ pluraj aliaj landoj en kiuj estas kaj skoltoj kaj esperantistoj?

# AGENDO

En la jaro 1977 niaj SEL-amikoj povas esti tre aktivaj, se ili deziras tion.

BREGENZ, 27 de julio-4 de aŭgusto internacia tendaro por skoltoj 14 - 16 jaraĝaj.
Organizanto: Bregemzer Pfadfinder. Informojn donas Peter Pröll, Gablerstrasse 3, A 6900 Bregenz.
Deĵoros tie por SEL-informbudo Ko.Hammer kaj F.Schwärzler. Li esperas, ke apartaj Esp.kunvenoj povos okazi.

REYKJAVIK, Islando - 30 julio - 6 aŭgusto 62-a Univ.Kongreso.
SEL kunvenos gvidata de nia prezidanto.
Ie en Islando:
Nia NR por Usono, A. Fineberg, proponas internacian tendaron por SEL-anoj, tuj antaŭ aŭ tuj post la UK, kunlabore kun la islandaj skoltoj.
Informoj ĉe Allan.

POITIERS, Francujo, 8 aŭgusto - 16 aŭg. Intern. Junular-kongreso de TEJO en la bieno de "Scouts de France". Nia franca NR Deveughele invitas SEL-anojn deĵori tie. Tasko: Atentigi en ĝentila maniero por ke ne okazu detruojn en la naturo. Espero: Ponto inter SEL kaj la franca skoltasocio. Inform. ĉe Patrick.

MONTREAL, Kanado. Ne definitiva dato.
Skolta Konferneco.
SEL prezentos sian kontribuon al la Interliga Programo de la Skolta Movado.

# margarino

Ĉiutage vi uzas aŭ buteron aŭ margarinon sur via pano. La butero estas fabrikita el lakto, tion vi certe scias, sed ĉu vis scias, kio estas margarino?
En la deknaŭa jarcento multaj homoj translokiĝis de la kamparo al la urboj pro la industria evoluo. Tio kaŭzis multajn problemojn kaj i.a.mankon de butero. La franca registaro tial anoncis konkurson por inventi anstataŭaĵon kiu devas esti same bona kiel la butero nutre, kaj se eblus, pli malmultekosta. La franca kemiisto H.M. Mouries gajnis la premion Li observis, ke la bovinoj malpeziĝis kiam ili dum tagoj sen furaĝo daŭre donis lakton. Konklude: la korpa graso, la sebo, estas transformita al lakta graso dum laktoproduktado.
Nun Mouries provis imiti tiun proceson. Li hejtis freŝan sebon ĝis 45°C kune kun stomaka suko, kaj ricevis i. a. molan, duonfluidan frakcion, kiu similis odore al fandita butero. La frakcio estis nomata oleomargarino, kaj ricevinte tiun ĉi grason ili ree provis fari buteron.
Post miksado kun senkremigita lakto kaj akvo kaj 2-3 horoj kirlado ili haviĝis kreman substancon el kiu ili faris butersimilan produkton per la sama metodo per kiu oni fabrikas buteron normale.
Tiu ĉi produkto estis la unua margarino.
Hodiaŭ oni plej ofte uzas vegetaraĵan grason aŭ oleon, ekz. oleon de sojo, kotona semo, kokoso kaj aliaj. La kotonan semon oni traktas jene:

Unue oni purigas la semojn.de kotono. La ŝelo estas frakasita, kaj ricevinte la semenhavon oni elpremas la oleon. Siavice la oleo devas esti rafinita, ĉar la oleo kruda enhavas malbonodoraĵojn, metalojn, kiuj rapide detruas la kvaliton, kaj kolorigâĵojn. Havante la puran oleon oni miksas ĝin kun senkremigita lakto kaj vitaminoj k.t.p.por fabriki la margarinon kiun vi uzas.

La margarino estas preferata al butero de multaj, ĉar ĝi enhavas multnesaturitaj grasacidoj, kiuj estas vivnecesaj por la homoj. Sed aliflanke la vitaminoj en la butero estas naturaj. Plej ofte la gusto kaj la kosto decidas la elekton.




Bengt Olof Nilsson.






18 italaj geskoltoj sendis al unu el niaj reprezentantoj en alia lando leteron kun peto pri korespondo kun geamikoj de la tuta mondo. La komuna adreso estas "Scouts e Guide-Patronato di Carpenedo, Vie S Sono u 2, Mestre-Venezia, Italujo.
Kune kun la peto pri leteroj tiuj ankaŭ petas mondonacojn al suferantoj pro tertremo kiu senhejmigis ĉ 100 000 homojn. La donacojn sendu al la sama adreso, kaj oni plusendos ilin kiel signo de solidareco de la geesperantistoj.




## ne plu

En tiu ĉi monato (septembro 1976) la sveda poŝto reiras al la malnovtipaj poŝtmarkoj!

Dum jaroj nun lando post lando enkondukis paperon por siaj poŝtmarkoj, kiu igu ilin elsendi ian lumbrilon en specialaj maŝinoj. Per tio la maŝinoj povis transpreni de la homoj kelkaj farendaĵojn dum la ekspedado. Kompreneble tio okazis por ŝpari monon. Sed la afero havis plurajn flankojn: La maŝino estis multekosta kaj nur en la plej grandaj poŝtejoj oni povis utiligi ĝin. La papero estis pli multekosta ol la ordinara papero. Kelkloke (en Kanado) oni eksploris, ĉu la elradiado el tiu papero kreskigas la danĝeron de kancero. La rezulto de la esploro tamen estis, ke tia danĝero ne estas. Ankaŭ al la filatelistoj tiu papero donis problemojn, ĉar oni ne devas akvumi tiajn poŝtmarkojn kune kun ordinaraj, kiuj tiukaze flaviĝas. El la svedaj poŝtmarkoj unu - 1-krona poŝtmarko kun la portreto de Carl XVI Gustaf - nun ekzistos en tri variaj eldonoj pro la papero, du diversaj lumeskaj kaj unu ordinara.
La sveda poŝto enkondukis tiun paperon la 15.an de marto 1967 per 35 oera poŝtmarko kun motivo "Fjället" (La Monto).
Do: Ne ĉiuj teĥnikaj eltrovoj estas bonaj.

# EL OFICIALAJ RONDOJ

La oficiala organo de la tutmonda skoltismo "World Scouting" havis artikolon pri nia lingvo. La artikolon verkis nia prezidanto John Berggreen Sed la redaktoro, kiu verŝajne ne komprenas la valoron kaj la utilon de n e ŭ t r a l a komunikilo kaj pro tio kontraŭas la ideon de Esperanto, verkis al tiu artikolo "voston".
Berggreen skribis respondon al tiu "vosto", kaj ricevis informon, ke tiu nova artikolo aperos en la oktobra numero.

Ni jam plurfoje priparolis la novan libron, kiun SEL eldonos kiel kontribuo al la Interlink Programme de la Skolta Movado

La ĝenerala sekretario de la Skolta Movado per letero el la 13.a de aŭgusto promesis verki antaŭparolon al la libro. Tio donos al la libro pli grandan signifon kaj valoron, kaj li ankaŭ donas konsilojn kaj malgrandan kritikon, sugestante du ŝanĝojn en la titolpaĝo.
Kaj "estas feliĉa kaj honorata verki antaŭparolon".

## *Nu - tiel!*

Du kamaradoj promenas kune. Unu el ili diras: "Mi enamiĝis al ĝemelo. Imagu, kia knabino ŝi estas!
Demandas la alia, ne sen ironio: "Sed kiel vi scipovas ĉiam diferenci inter la du?"
"Nu," diras la unua, "la alia ĝemelo havas barbon."

Maristo renkontas malnovan kamaradon. Tiu ekadmiras la tatuaĵojn de de la amiko, kaj demandas:
"Ĉu ili malaperas dum lavado?"
"Mi ne scias."



# NIA KAMPANJO

Vidu ankaŭ paĝon 15 de la antaŭa numero de LSM

La ĝenerala plendo de ĉiu, kiu klopodas interesigi la skoltojn pri Esperanto estas

Skoltoj interesiĝas nur pri skoltaj aferoj, kaj neniel pri la internacia lingvo!

Sed kial plendi? Tia sinteno ja estas tute normala! Ankaŭ homoj, kiuj interesiĝas pri poŝtmarkoj, ne aliĝas al klubo por montgrimpantoj!
SEL nun, per la eldono de nova libreto, instigos al skoltaj aktivecoj: nome al plifortigo de la kunlaboro inter skoltgrupoj de diversaj nacioj.
SEL tiel apogos la Interligan Programon de la Skolta Movado mem, plej konata sub la angla nomo World Scout Link Program.
Sed....dume ni montros ke la Skolta Movado por la realigado de tiu programo nepre bezonas la internacian lingvon.
Esperanto do ne plu estos "ekstera" afero, sed estos "skolta" afero.

Restas ankoraŭ du demandoj:
Kiel atingi kiom eble plej multe da skoltoj?
Kiel forigi la lastajn barojn inter Skoltado kaj Esperanto?
La unua demando havas du respondojn: La respondo de la Centra Komitato, kaj la respondo de vi, nia membro kaj helpanto.

La Centra Komitato de SEL klopodas eldoni libreton en multaj naciaj lingvoj. Sperto lernis al ni, ke nur nacilingvaj eldonoj vere utilas.
Jam ni antaŭvidas eldonojn en la angla, franca, germana kaj nederlanda lingvoj, kaj serĉas ankoraŭ helpantojn por hispana traduko.
Kaj per avareco, kiu kelkfoje estas iom rigida, ĝi klopodas, ke la libro estu kiom eble plej malmultekosta. Tamen jam sindonaj kompostistoj, presistoj, desegnistoj kaj fotistoj laboras por ni!

La alia respondo estas, ke vi, amiko de SEL, interesigu landajn kaj lokajn skoltoasociojn pri nia eldono.
Ke vi prezentu ĝin al redaktoroj de skoltaj gazetoj, kun peto pri recenzo.
Ke vi, amiko de SEL, proponas ĝin al skoltaj vendejoj.
La Centra Komitato ne kapablas organizi tion. Tial ni invitas al vi, ke jam nun, en via propra lando, vi komencas organizi tion.
Se eble en kunlaboro kun la Nacia Reprezentanto de SEL en via lando, aŭ alie en kunlaboro kun la propaganda-fako de via Esperanto-asocio.
Estas necese jam nun fari la unuajn paŝojn al tio. Ni estas scivolemaj ricevi raportoj pri via laboro.

Restas nur la demando kiel forigi la lastajn barojn inter la Skoltado kaj Esperanto. Pri tio via prezidanto, John Berggreen, nun aktivas. Kaj ni esperas doni la respondon en la venonta numero de La Skolta Mondo!



NACIAJ REPREZENTANTOJ:

Aŭstralio: H.J.C.Brendel, 3/119 Kadumba Str.,Yeronga -QLD 4104.

Aŭstrio: f-ino Eva-Marie Fraunhofer, Badenerstr 7, A-2512 Tribuswinkel/ Baden pr. Vieno
s-ro Franz Schwärzler, Rathausstrasse 2, A-6900 Bregenz.

Belgujo: s-ro Gert van Damme, Marie Jose-laan 31, B 2600 Berchem.
s-ro L.J.VanGulck, Lt.Lippenslaan 33 bus 11, B-2200 Borgerhout Poŝtk.to Belga Skolta Esp.-Sekretario 000-0327460-85. Tel (031)3688.08.

Brazilio: s-ro EuclidesC Soares, Av. Almirante Tamarande 979, Belem,Para

Britujo: s-ro C.Bardsley, 26 Crossbank House OL9 6JD Oldham, Lancs.

Danlando: s-ro Bjarke Nielsen, Erdalsvej 30, DK-2600 Glostrup.

Finnlando: s-ino Irja Klemola, Nunna, SF-20660 Littoinen

Francujo: s-ro Petrick Deveughele, 53 Av.de Rigny, Appt 64, F-94360 Bry sur Marne.

Germanujo: s-ro Georg D. Winkler, Haroldstrasse 47, D-41 Duisburg 1.

Hispanujo: s-ro Pedro Marqueta, F el Catolico 32, 5°izqda, Zaragoza. Tel 252044.

Irlando: s-ro Frank Dobbs, 8 Ailesbury Grove, Dublin 4.

Japanujo: s-ro Sinzò Sumiya, Daido Kagaku Sooti K.K. 16, Suekirotyo Kitatu, Osaka.

Kanado: s-ro John H.F. Hoyle, Box 421, Forest Ont.
Helpa NR: S-ro Paul Ronald, 45, 10th Ave., Roxboro, Queb.

Maroko-Agadir: peranto s-ro Emilo Mas, 39 Cite des Oiseaux, Inezgane.

Meksikio: s-ro Jaime Javier Martinez Tekkez 8a, No 3604, Chihuahua

Nederlando: s-ro B.J.Wijmer, Vreebos 41, Zoetermeer/2280. Tel 079-215868

Norvegujo: s-ro H.A.Rosbach. Vidu paĝon 2 sub "redaktoro".

Novzelando s-ro D.B. Pease, 6a Bay Road St Heliers, Auckland 5

Peruo: s-ino J. de Skotte, Melecon Paul Harris 335/200 Barranco-Lima 4

Portugalujo s-ro J.de Matos Correia, Rua Cidade da Horta, Lote Q-5-3°, Pontinha, Lisboa 4.

Svedujo: Peranto: s-roRagnar Hjorth, Kronobergsgt 25, S-11233 Stockholm.

Usono: s-ro : Allan Fineberg, 76 Seventeenth Ave, Paterson N.J. 07513.

Informoj pri membreco:
En landoj kun Nacia Sekcio: Informiĝu ĉe NR kaj pagu al li la kotizon.

Individuaj membroj (Nur en landoj sen N.R.!) Kotizo inkl. abono:
Junuloj ĝis 18 jaraj: Ned.gld. 3.30 aŭ egalvaloro.
Pliaĝuloj: Ned. gld. 5.oo aŭ egalvaloro.
Subtenantoj: Minimume Ned. gld. 5.oo aŭ egalvaloro.

Adresoj de la Centra Komitato: Vidu la duan paĝon.

Konstanta adreso de S.E.L.: Postbus 433, Zaandam, Nederlando.



# LA SKOLTA MONDO

Limtempo por manuskriptoj kaj anoncoj: 1-a de Februaro, Majo, Aŭgusto kaj de Novembro.



---

REDAKCIO: N-6500 KRISTIANSUND

NE ISSN 0037-6558